derecho de socio, caso en que se encontraba el Sr. Orós por haber sido socio durante unos años; a la Federación Aragonesa, dándole cuatro páginas en la revista, porque esa decisión fué de la Directiva, como iniciativa para aplicarla a todas las regiones y hasta a las organizaciones especiales, siendo prueba de ello la concesión a la Liga Ferroviaria Esperantista del espacio necesario en la revista para la publicación de lo que le atañe.

Ahora analicemos el acto de mi instancia: yo, individuo de una colectividad, veo ésta combatida sañudamente por otra, que se dice actuar con la mayor pureza; y yo, que sé que no es verdad esto, que me creo obligado a defender la colectividad a que pertenezco del afán de destruirla, decido defenderla y probar la falsedad de aquella pureza o legalidad, y para ello DENUNCIO. ¿Qué es DENUNCIAR? Según el Diccionario de nuestra Academia, es: 1. *Noticiar, avisar.* 4. *Participar o declarar oficialmente el ESTADO ILEGAL, IRREGULAR O INCONVENIENTE DE UNA COSA.* 6. *Figurado: DELATAR.* 7. *Forense: Dar a la autoridad parte o noticia de un daño hecho, con designación del culpable o sin ella.* (Los demás significados (2, 3, 5) no son aplicables ni aún erróneamente.)

Descartemos el primero; el *forense*, porque yo no participé o noticié a la autoridad ningún daño hecho, ni designé o dejé de designar culpable; el *figurado*, porque yo acostumbro a hablar en sentido recto, mas, sin embargo, concedo analizar cuanto pudiera inducir a aceptarlo, tratando después este significado. *Me quedo con el cuarto,* puesto que *participé o declaré OFICIALMENTE el estado ilegal, irregular o inconveniente de una cosa.* Pero veamos sobre el sexto: DELATAR es «*revelar a la autoridad un delito, designando al autor para que sea castigado, y sin ser parte obligada del juicio el denunciador, SINO POR SU VOLUNTAD*»; así, pues, tampoco es admisible, porque yo no revelé delito determinado de una persona, sino la actuación de una organización fuera de las normas legisladas; porque en el juicio, en el caso de aceptarse este significado, *soy parte obligada*, y, además, *no lo hice caprichosamente,* que es lo que en este caso significa la adversativa final de la definición.

¿Por qué y para qué DENUNCIÉ? Para demostrar y dejar constatado cómo la Confederación es precisamente la que procedió saltándose lo legislado, sin que mi *denuncia* arrastrase daño alguno contra la misma ni contra las personas que la dirigen y la integran, como prueba la nota que sigue al texto de la instancia, utilizando la antigua amistad que con el Gobernador de Zaragoza me une, que fué compañero de esta guarnición y de intensos trabajos de conspiración

durante la Dictadura, es decir, utilizando una amistad forjada en la colaboración de peligrosos trabajos, y que me hacía esperar ser atendido, como lo fuí, y como queda perfectamente demostrado.

La lectura de cuanto se ha publicado por una y otra parte a consecuencia del cisma, que H. E. A. no produjo, es suficiente para juzgar la manera de producirse de unos y otros, y a esa lectura me remito para que se juzgue mi conducta, de tal suerte, que he remitido hace algún tiempo (próximamente, dos meses) al Sr. Bruquetas una colección completa de «Hispana Esperanto» y otra de HISPANA ESPERANTO-GAZETO, acompañadas de un índice completo con los títulos de cuantos artículos se relacionan con este pleito, números en que aparecen y páginas que ocupan, suplicando se me digan las incorrecciones que encuentren, sin que hasta la fecha se me hayan hecho presentes. Hágase un estudio paralelo de lo impreso en dichas revistas y lo publicado por «Nia Vivo» y «Progreso Esperantista», y por el léxico y forma empleados se deducirá de modo indudable cómo nos producimos unos y otros.

Termino haciendo constar que si bien, cumpliendo lo acordado, con este escrito termina toda campaña acerca de este asunto por medio de esta revista, no resigno personalmente de adoptar la actitud que las circunstancias me aconsejen.

JULIO MANGADA ROSENORN

---

## FAKTOJ SEN KOMENTARIOJ

La unuan de februaro de 1903, en Valencio, oni fondas la Hispanan Societon por Propagando de Esperanto. Ĉi tiu Societo estas petata de la samideanoj de San Sebastián kaj de Barcelona por organizi la V-an Universalan Kongreson, kaj la Societo, konsciante esti pli grave kaj konvene por Esperanto, okazigi la V-an Kongreson en Barcelona, petas de la Internacia Estraro la Kongreson por ĉi tiu urbo. La Kongreso okazis; la Loka Organiza Kongreskomitato de la V.ª ne plenumis siajn devojn pri la likvido de la Kongreso spite de la postuloj de la Societo laŭ la kondiĉoj starigitaj por la Universalaj Kongresoj, rompante tiel la dependon de la organizintoj al la Hispana Societo por Propagando de Esperanto, kiu petis la Kongreson por ili. Sekve, en Barcelona, oni fondis la Katalunan Esperantan Federacion, apartiĝante de la H. S. por P. de E. la plimulto el la katalunaj samideanoj: tiel efektiviĝas la unua disiĝo.

Pli malpli vigle la H. S. por P. de E. daŭrigis sian vivon ĝis

la eksplodo de la Granda Milito, kiu frakasis preskaŭ ĉiajn regionajn. Kataluna Esperanta Federacio mortis same, kiel H. S. por P. de E., kaj restis en Hispanujo disigite iuj grupoj kaj izolaj samideanoj, kiujn je 1917 unuigis la «Zamenhofa Federacio» per sia organo «Hispana Esperantisto»: jen, do, nova unika fronto esperantista, kaj la Grupo «Fajro» de Barcelona, kunvenigas la 31an de decembro de 1919, en la loĝejo de la vigla Grupo «Paco kaj Amo», en Barcelona, prezidantojn kaj delegitojn el diversaj Grupoj por pritrakti kaj aprobi la planon por okazigi la I-an. Kongreson el Esperantistoj de Iberiaj Landoj. Tuj oni petas la kunlaboradon de «Hispana Esperantisto» kaj de la «Zamenhofa Federacio», kiuj konsentas. La pioniroj de la mortinta Kataluna Esperanto-Federacio kontraŭstaris la planon ĝis la lasta momento, kiam ili konsciis neeble frakasi la okazigon, kaj tiam ili aliĝas. La I.ª K. efektiviĝas plensukcese; decidas okazigi la II.an en Zaragoza; revivigas la Katalunan Esp.-Federacion, kaj jen kiel la «Monata Bulteno» de «Aplech Esperanta Grupo» de Sabadell parolas: «Unu el plej simpatiaj rimarkindaĵoj de Udkeilo estis ĉeesto kaj partopreno de S-ro. Mangada, kompetenta direktoro de «Hispana Esperantisto». La sincereco, per kiu li parolas; la memoferema spirito, kiun elmontras ĉiumomente liaj paroloj, favoraj je niaj konvinkiĝoj, estis kortuŝantaj la plimulton el la Esperantistoj. Li agis kvazaŭ li estus estinta la vera animo de la Kongreso.» (Estas tre konvene ke interesitoj vidu la raporton pri ĉi tiu Kongreso, kiu aperis en «Hispana Esperantisto» de julio-aŭgusto de 1920, super ĉio devas atenti pri ĉi tiu raporto kaj pri tiu de la II Kongreso en Zaragoza la samideanoj kiuj partoprenas pli-malpli rekte la laboron por la unika esperantista fronto, kaj ankaŭ atenti la broŝuron «Algo sobre el movimiento esperantista español», petante ĉion al nia Asocio kondiĉe de redono.)

Kaj okazas la II.ª Kongreso en Zaragoza, je 1921, majo (vidu la raporton en majo-junia numero de «Hispana Esperantisto», 1921). Al ĝi alvenis la reprezentantoj de Kataluna Esperanto-Federacio, S-ro. Allende (reprezentante la Vaskan Federacion), S-ro. Llano (reprezentante la Grupojn de Baracaldo kaj Santander), S-ro. Luna (reprezentante la Grupon de Madrid, k. c.), S-ro. Rocamora (reprezentante Barcelonan Esp.-Societon), S-roj. Díaz, Mármol, Serrano Olmo, Maraury, Artigas, Máñez (reprezentante respektive: samideanojn de Tocina, Villanueva de las Minas (Sevilla), Córdoba kaj Cañete de las Torres (Córdoba), Andaluzian Federacion, Komercan Cambron de Huesca, Grupon kaj Urbestraron de Huesca, Valencian Federacion); Mangada (reprezentante Urbestraron de Jaca, «Zamenhofan Federacion», «Hispanan Esperantiston» kaj la Grupojn de Jerez kaj Palma

de Mallorca), Campdelacreu (reprezentante la Urbestraron kaj Grupon de Manlleu - Barcelona), Comella (reprezentante la Grupon de Vich - Barcelona), Chaler kaj Comadrán (reprezentante la Grupojn de Tarrasa kaj Sabadell). La Grupo «Frateco» (Zaragoza) estis reprezentata de S-roj. Gastón, Maynar, Delpón, Larruga, Sancho Izquierdo kaj aliaj. S-roj. Gorgues, Batet, Baucells, Mayol, Domenech, Gili kaj Grau partoprenis la laborojn, kiel pioniroj, ankaŭ reprezentante samideanarojn. Tial oni povas konscii, ke ĉi tiu Kongreso estis tre grava. Sed por la celo de ĉi artikolo sufiĉas transdoni el la raporto aludita la jenon (paĝo 71 fino de la II.ª kolono antaŭen, en la paĝon 72an): «Sekve la prezidanto (S-ro. Emilio Gastón) donas la parolon al S-ro. Mangada. Ĉi tiu, kvazaŭ parolante per la koro, eligante tute sincere sian puran senton esperantistan, ĉe la kiel eble plej ĝusta doktrino de la Majstro, *konsiderante ke nepran kunagadon postulas nunaj tempoj, anstataŭas sian proponon per alia, kiu estis rezulto de la peniga interŝanĝo de opinioj, kaj, kiel estis necese al li ĝin skribi, la prezidanto rajtigas legi la proponon de Kataluna Esp.-Federacio. Kiam oni finas legi ĉi tiun, la prezidanto redonas la parolon al S-ro. Mangada, kiu unue legas la proponon, poste defendas ĝin per mallongedaŭra kortu ŝanta paroladeto: religia silento fariĝas dum kiu koroj batadas kaŭze de sama sento, kaj post iuj paroloj klarigantaj de unu kaj aliaj, unuanime, sen diskuto oni aprobas la proponon:*

*«Konsiderante la Kunveno la nepran neceson alveni kiel eble plej rapide al starigo de perfekta organizaĵo kondukanta al la realigo pri* OFICIALIGO *de* ESPERANTO *en la* STATO, *kaj por atingi harmonian kunagadon por trafi tiun celon, unuanime aprobas la jenan proponon de la Komandanto Julio Mangada Rosenörn:*

1e. *Nomi la definitivan Komitaton por organizi la Konfederacion de Iberaj Esperantistoj, kiun definitive oni starigos en Madrid-Pardo la proksiman jaron dum la I.ª Kongreso.*

2e. *Restigi dum ĉi tiu jaro la nunajn organizaĵojn de la Iberaj Esperantistoj same, kiel ili estas nun, sed* KUNLABORANTE FRATE, *aktive, intense por la Kongreso, en kiu la dirita Konfederacio estos starigata.*

3e. *La Komitato konsistos el la Komitato organizinta Dudkeilon kaj el la voĉdonotoj (delegitoj) de la Federacioj kaj aŭtonomaj organizaĵoj nune starigitaj.»*

*«Sekve, la prezidanto fermis la kunsidon kaj la entuziasmo per ardaj komentarioj elmontris la solidarecon por plene sukcesigi la Kongreson en Madrid-Pardo: la minacanta uragano fariĝis dolĉa esperiga venteto por Esperantismo.»*

Dum ĉi tiu Dudkeilo S-ro. Allende, sin turnante al S-ro. Gili (el

Kataluna Esp.-Federacio) pri «Konfederacio», diris: «*Unue estas necese, ke vere ekzistu realaj Federacioj.*»

La Kongreso de Madrid-Pardo ne estis organizata pro rezigno de la proponinto S-ro. Benigno Luna, kaj oni decidis okazigi ĝin en Valencio. Ĉi tie la Kongreso devis plenumi la antaŭan proponon, starigante la Konfederacion; sed oni ne faris ĉi tion. Kial? Oni scias, ke iuj katalunaj federacianoj atakis S-ron. Mangada, tiam deĵoranta en Maroko, kaj ke S-ro. Maynar lin defendis. Sed oni ne plenumis la konkludon de la Zaragoza Kongreso aŭ Kunveno, kaj ĉiuj rajtas sin demandi: «Kial la Valencia Kongreso ne plenumis la konkludon de la Zaragoza Kongreso? Tiel oni perdis jaron, ĉar ĉio restis nur propono, nur plano, anstataŭ realaĵo, kaj kiam oni invitas la Katalunan Esperantan Federacion por ĉeesti la Kongreson de Bilbao, por tie starigi la Konfederacion, plenumante la konkludon de la Zaragoza Kongreso, *la K. E. F. rifuzas partopreni kaj starigi la Konfederacion, ĉar ĉi tiu ne estas interesa por ĝi «tial ke ĝi estis rekonata nacia societo de la Konstanta Reprezentantaro de Naciaj Societoj de la Tutmonda Movado»*. Do, denove samideanoj de Katalunujo deflankiĝas de la unuiĝo spite de sia kompromiso mem de Zaragoza, kiel oni povas konstati per «La Suno Hispana», artikolo «Ampliación debida», kiu, parolante pri la reapero de ĉi tiu gazeto, kiel oficiala organo de hispana samideanaro celanta la Konfederacion, diras: «...reaperis en Valencio «La Suno Hispana» kiel organo de la hispanaj esperantistoj, ĉar «Kataluna Esperantisto» obeis malsamajn orientiĝojn, kiel oni konstatis dum la Kvara Diskutanta Kunveno en Bilbao, kie, malgraŭ la ĉeesto de portugalaj elementoj por konkludi firme pri la interkonsento al starigo de la Iberia Esperantista Konfederacio, la Konfederacio, la katalunoj, sen justiganta fundamento, rifuzis ĉeesti, komunikante per letero al la Prezidanto de la Kongreso, ke ili rompis la interkonsenton kaj sin apartigis de la Konfederacio.»

En Bilbao, la Kongreso decidas organizi la Iberian Esperantistan Konfederacion, enkalkulante la portugalojn, kaj elektante por la prezidanteco S-ron. Benigno Luna. La starigon kontraŭstaris S-ro. Mangada kaŭze de neebleco submeti al sama regularo portugalojn kaj hispanojn, des pli ĉar la sola portugala samideano ĉeestinta la Kongreson rimarkigis, ke en Portugalujo ne estis esperanta organizaĵo, ke pli konvene estu, ke ni la hispanoj organizu nian fronton, ke ili (la portugaloj) faru same, kaj poste ambaŭ organizaĵoj kunagadu lojale. S-ro. Benigno Luna, kiel prezidanto jam prezentis la Regularon en la Ĝenerala Direkcio por la Polico, ne konsciinte ke tio estas neebla, ĉar prezento kaj aprobo de Regularo nepre devas okazi antaŭ ol leĝa elekto de Komitato, kaj ĉar li obstine volis sin prezenti prezidanto,

la oficejestro de la Fako por Asocioj en la Ĝenerala Direkcio ne akceptis la Regularon post diskuto, disputo kaj malagrablaĵoj. S-ro. Luna konservis en sia poŝo la Regularon; la hispana esperantistaro restis dise dum unu jaro pli, kaj pro tio, en Córdoba, je 1925, oni okazigas la Van Kongreson, kaj, per provizora Regularo, oni decidas starigi la hispanan organizaĵon kaj okazigi en Madrido dum la sekvanta jaro alian Kongreson por definitive starigi la organizaĵon kaj liveri la definitivan Regularon. S-ro. Maynar estis kontraŭ la provizora starigo.

La VI Kongreso en Madrido starigas firme la Hispanan Esperanton Asocion donante al ĝi la Regularon prezentitan de S-ro. Francisco Azorín, por fini la periodon celintan formi la hispanan esperantan fronton. La Asocio, malgraŭ iuj opozicioj, okazigas la VII^a^ Kongreson de Sevilla kaj plensukcese; la Asocio iras antaŭen. Same okazas por la VIII^a^ Kongreso spite de plej gravaj opozicioj kaj malagrablaĵoj, kaj la Asocio iradas antaŭen ĉiufoje pli vigle kaj sukcese en la Kongresojn de Madrid kaj de Santander. La Asocio efektivigas gravegan laboron dum la du lastaj jaroj, rikoltante abundan frukton, vekante atenton kaj intereson de la Ministerio de Publika Instruado, de la Nacia Patronaro por Turismo, de la hispanaj Geinstruistoj kaj de la plimulto el la deputitoj de la unua Parlamento de la Respubliko; vekante atenton kaj intereson de la madridaj Aŭtoritatuloj por la Universala Kongreso de Esperanto en Madrid je 1935. La Asocio kunlaboras lojale al starigo de la unika tutmonda fronto; laŭ la normoj regulaj ĝi ne baras la starigon de la hispana unika fronto esperanta, ĉar, ricevinte de la Komisio «Bazojn» al tiu celo por alkonformiĝo aŭ riparoj, la Direktanta Komitato, plenumante siajn devojn, faris la riparojn necesajn kaj ĉi tiujn submetis al la heaanaro, dume la Asocio daŭrigas sian regulan kaj fruktodonan agadon.

Vi, karaj heaanoj, komentarios kaj konscios kaŭze de ĉi tiu konciza historio.

---

## PRI HISPANA FOLKLORO

Riĉega je kantoj estas la tuta Hispanujo; multaj el ĝiaj kantoj estas tre malnovaj, venas de tre antikva epoko. En la provinco Soria, la popolkantoj abundas kaj estas belegaj kaj tre interesaj, kiel elpruvas la mirinda kanto «La Ŝafistoj», kiu estas unu el plej belaj de la hispana popolkantaro. Ĉi tie ni prezentas al la esperantistaro la popolkanton (versaĵon) «La Gepilgrimantoj», versaĵo tre malnova de nekonata verkisto, kiu preteriris la regionon en aliajn sed suferante iajn

transformiĝojn. La versaĵo estas interesa, sprita, plena de granda ĉarmo kaj intenco, kaj same restadas la esperanta traduko laŭ perfekta rimo:

Para Roma caminan
dos peregrinos,
hijos de dos hermanos,
carnales primos.
Llegaron a la venta,
piden posada
para la peregrina,
que va cansada.
Por posada le dieron
una cocina
para que descansara
la peregrina.
Salieron de la venta,
van a palacio
a besarle el anillo
al Padre Santo
Y el Padre Santo dice,
—¿Qué queréis, hijos?
—Padre, que hemos pecado
carnales primos.
El Padre Santo dice:
—¡No es maravilla!
Es hermosa en extremo
la peregrina.
El peregrino, entonces,
se hace el travieso;
por encima del hombro
le ha dado un beso.
Y el Padre Santo dice:
con ser tan santo:
—¡Quién tuviera licencia
para otro tanto!
El peregrino, entonces,
tiende la capa:
—Sea usted peregrino;
yo seré Papa,
para echar bendiciones
a las muchachas.

Piediras al Romo
du pilgrimantoj;
ili estas gekuzoj,
sed geamantoj.
En ŝosean gastejon
ili enpasas,
ĉar laciĝo tre granda
ja ŝin frakasas.
Kuirejo nur preta
por la ripozo
al ŝi, tiel belega,
kiel la rozo.
Ili al la palaco
kune aliras,
ĉar de l' Papo la ringon
kisi deziras.
Estas Papa demando:
—Kion mi donu?
—Ni..., gekuzoj, ja pekis;
vi, do pardonu..
Kaj la Papo rediras:
—Miron ne havu!
El beleco la ŝia,
kiu sin savu?
Tiam la pilgrimanto
eble malsaĝas,
kisi ŝian la ŝultron
li, do, kuraĝas.
Spite de la Sankteco
Papo tre flame
diras: —Ha, kun permeso,
farus mi same!
Pilgrimanto tuj donas
sian mantelon
al la Papo, dirante:
—Ŝanĝu ni celon:
pilgrimanto, vi; benu
mi, do, la belon!

JULIO MANGADA ROSENÖRN

## LA BIRDO

Mi revenis de la ĉasado, kaj marŝis tra vojeto de mia ĝardeno. Antaŭ mi mia hundo kuris.

Subite mi notis ke ĝi malplirapidiris kaj marŝis singardeme, -pudflarante proksiman ĉasaĵon.

Mi serĉis per la rigardo tra la vojeto kaj videtis birdidon preskaŭ senpluman, el dubeflava beko, ankoraŭ kovrita per vilo.

Ĝi estis falinta de la nesto—ĉar la vento agitis forte la akaciojn de la ĝardeno—kaj restinta malsukcese en la flugado, dum etendis neutile siajn senplumajn flugilojn.

Mia hundo antaŭeniris kun tremantaj piedegoj, kiam subite, de najbara arbo falis kvazaŭ ŝtono antaŭ la hunda buŝo mem plenkreska birdo el nigra plumaro...

Ĝi estis kvazaŭ freneza, kun la plumoj stariĝantaj kaj movante malespere la flugilojn, li pepadis tiel korpreme ke kaŭzis kompaton; ĝi saltis dufoje antaŭ tiu malfermata minaciga buŝego armita per akraj ŝirdentoj.

Ĝi estis ĵetinta sin por savi sian idon kaj intencis iĝi ĝian ŝirmilon.

Sed la kompatinda birdeto tremis pro timo: ĝia pepado estis raŭka, sovaĝa. Ĝi estis preta por morti, por oferi sian vivon.

La hundo antaŭ ĝiaj okuloj devas ŝajni monstron teruran, sed malgraŭ tio, estis neeble al birdeto resti supre sur la alta nedanĝera branĉo. Forto pli potenca ol ĝia volo puŝis ĝin por sin ĵeti en danĝeron.

La hundo deflankiĝis de la birdido, poste revenis.

Ŝajnis ke ĝi mem spertis la influon de tiu forto.

Mi vokis ĝin, konfuzigita, kaj foriris kun respekto de tiu loko.

Jes, ne ridu. Mi sentis respekton antaŭ tiu birdo, al kiu, antaŭ la danĝero, la amo igis heroon senkonscie.

Amo, mi pensis, estas pli forta ol morto kaj ol timo por morti. Nur pro la amo oni riskas kaj konservas la vivon.

IVAN TURGUENEF

(Trad. el hispana teksto.)

# INTERNACIA KONKURSO POR LA JUNULARO

**«Kristo kaj la Universala Frateco»**

Dank' al la bonvolo de amerika kristanino, amikino de paco, S-ino. Van Loan de Babylon (Usono) estas kreita fondaĵo, kiu aranĝas konkurson kun temo: «Kristo kaj la Universala Frateco». Ĝia celo estas helpi al la plivastigo de la paca spirito de internacia amikeco inter la junularo.

La konkurson organizas la Junulara Komisiono (fako de la «Universal Christian Council for Life and Work» kaj la «World Alliance for Promoting Friendship through the Churches»).

Rajtas partopreni gejunuloj loĝantaj en Eŭropo kaj naskitaj post la 30-a de aprilo 1914 kaj antaŭ la 1-a de majo 1920. Teksto en kiu ajn lingvo. La juĝantaro (el diversaj nacioj kaj eklezioj) disdonos pli ol 150 premiojn, el kiuj:

Unua, 300 usonaj dolaroj;
Dua, 200 usonaj dolaroj, k. t. p.

Detalaj informoj estas riceveblaj senpage pere de la Junulara Komisiono: Case-Postale Nr. 46, Eaux-Vives, Geneve (Svislando). Bonvolu diri, ĉu oni deziras ilin en Esperanto, franca, angla aŭ germana lingvoj.

(NOTO: Kvankam H. E. A. estas neŭtrala Asocio, ni kopias ĉi tiun novaĵon, publikigita jam sur *Pola Esperantisto*, *Esperanto*, k. c., tial ke ĝi pruvas la ĉiufoje pligrandan gravecon de nia lingvo, ĉar ĝi estas unu el la lingvoj elektitaj por internacia konkurso.)

---

# KURIOZAĴOJ

Ĝis nun la amerika insulo sur kiu staras la respublikoj Haití kaj Dominikana estis nomata sendistinge ĉu Haití, ĉu Dominikana. Sed laste la estraro de la Dominikana respubliko atingis ke oni nomos tiun insulon Hispaniola, kaj tiamaniere ĉesas la konfuzo pro diverseco de nomoj kaj oni rememoras ke iam ĝi estis la bazo de la divastigo en Ameriko de la eŭropa civilizacio dank' al klopodo de la hispanoj.

La novaĵo tre ĝojigis la insulanojn, precipe tiujn de Sankta Domingo.

## RADIO

Ni prezentas Esperanto-programon de polaj Radiostacioj por 5 monatoj. *La prelegoj okazados merkrede ĉiu-du-semajne je la 22 h. kaj daŭros ĝis la 22 h. 20 m.* En tiu tempo estas ankalkulita 5-minuta «Radiokesto», dum kiu oni respondas diversajn demandojn kaj konatigas gravajn informojn. Eventuala plifruigo aŭ plipostigo de sendotempo estas nur tiam ebla, se okazos komuna dissendo de Eŭropa staciaro aŭ ia tre grava dissendo enlanda. Komence de februaro ricevos ĉiuj iam ajnaj skribintoj al la polaj Radiostacioj presitan komunikon. Ni petas ĉiujn gazetojn kaj konsciajn Esp.-istojn diskonigi la programon, kaj instigi la aŭskultantojn, ke ili danku al *Polskie Radjo, Warszawa,* por ke la rezulto de niaj prelegoj estu definitiva enhejmiĝo de Esperanto en niaj Radiostacioj.

*Pollanda Esperanta Delegitaro, Kraków. Lubicz 34.*

**7. II.** D-ro. Jerzy Dobrzycki: Pola pentrarto.

**21. II.** D-ro. Marjan Tyrowicz: La gazetaro en nuntempa Polujo.

**7. III.** D-ro. Adam Fischer, prof. de l' Univ. en Lwów: Karaktero de la pola popolo.

**21. III.** F-ino. Zofja Zawiszanka: Pri Marŝalo Pilsudski.

**4. IV.** D-ro. Kazimierz Ajdukiewicz: Pola filozofia penso.

**18. IV.** D-ro Rudolf Weigel: Laboratorio por kontraŭbatali la infektajn malsanojn.

**2. V.** D-ro. Stanislaw Lempicki: Pola spirita kulturo en la lasta jarcentkvarono.

**16. V.** D-ro. Walery Goetel: Rezervaĵoj kaj naciaj parkoj en Polujo.

**30. V.** D-ro. F. Burdecki: Polaj inventoj.

**13. VI.** Prof. Rudolf Wacek: Somero en Pollando.

(*El Pola Esperantisto.*)

---

# AVIZO

**Ĉiu HEA'ano perdinta iujn kajerojn de «Terminologio de la Arkitekturo» povas ricevi ilin senpage petante ilin al nia sekretario, escepte la numerojn 1, 3 kaj 4.**

# JUBILEO EN ESPERANTUJO!

La «*Germana Esperanto-Librejo en Leipzig C. 1, Hospital-strato N-ro. 2*», ekzistis je la dua de januaro 1934 DUDEKKVIN JAROJ. Post la fondo de la Saksa Esperanto-Instituto (nuntempe: Esperanto-Instituto por la Germana Respubliko) la librejo estas fondita en la metropolo de la Libro-komerco por la tuta mondo de la, en Esperantujo konata pioniro samideano Bernhard Kötz (Honora membro kaj delegito de U. E. A.). La firmo sukcesis per sia rapida, akurata kaj librofakista servado kontentigi multajn literatur-aĉetantojn el la tuta mondo. Per la eldono de katalogoj kaj prospektoj ankaŭ ĉi tiu komerco-domo sendube agis propagande por la esperanto-movado. La nun aperinta special-oferto (maloftaĵoj kaj antikvaĵoj) estas interesa por ĉiu libro-amiko. Mendu ĝin.




*Profitu la okazon dum la proksima somero vojaĝi en Svedujon, kaj viziti Stokholmon, la nunjara ĉefurbo de Esperantujo.*

*Detalajn informojn pri la kongreso, sur la aprila numero de* HISPANA ESPERANTO-GAZETO.

## LA BERBERA ĈEFO

La plej varmajn regionojn de Afriko travagas la reprezentantoj de radiofirmoj, propagandante siajn varojn ĉe la diversaj gentoj. La ĉefoj, kompreneble, havigas al si la plej bonajn aparatojn. Ili aĉetas ja ĉion, kio plaĉas al ili: kudromaŝinojn kaj razilojn; orajn dentojn kaj biciklojn. Kial ili ne aĉetu la radion?

Iu negocisto vendis al eminenta ĉefo berbera la plej kostan radio-aparaton ekzistantan. Kelkajn semajnojn poste, kiam li jam preskaŭ forgesis pri la mendo, alvenis dek-duo da portistoj, spiregante pro la ŝarĝoj. La teknikistoj sekvis. Oni aranĝis la detalojn. Ĉio sukcese funkciis.

La ĉefo turnis la butonojn kaj aŭskultis:

«*London calling. You have just heard. . .*» «*Station Rabat, vous venez d'entendre les derniers cours de bourse...*» «*Roma-Napoli . . .*» «*Hier ist der Norddeutsche Rundfunk . . .*»

Li aŭskultis, aŭskultadis. Certe, la afero estis miriga. Sed poste lia mieno malsereniĝis. Li revenigis la negociston, kiu jam forrajdis sur azeno kelkcent metrojn. «La aparato estas bona; sed liveru ankaŭ tradukan maŝinon, kiu komprenigos al mi tion, kion mi aŭdas.»

---

Ekzistas ĉiulande radianoj, kiuj malgaje aŭskultas ĉe sia aparato informojn diverslingvajn kaj nekompreneblajn. Kial oni ne pli ĝenerale utiligas la tradukmaŝinon, kiu jam ekzistas—la tutmondan helplingvon Esperanto?

(El *The British Esperantist*, mallongigita el *Heroldo de Esperanto*.)

---

## ENLANDA KRONIKO

*Sevilla.*—Leemos en *El Liberal*, de Sevilla, del 20 de enero una extensa información gráfica de las clases de Esperanto creadas en la Escuela Graduada número 8, de aquella capital, y cuya directora es doña María Amorós, competente maestra nacional y una de las que asistieron el verano pasado al Congreso Esperantista de Colonia (Alemania) subvencionadas por H. E. A.

A las clases, que están a cargo del profesor del Instituto Español de Esperanto D. Carlos Martínez Fernández, asisten, además del grupo

de niñas, todas las maestras de dicha escuela graduada. La inauguración del curso ha coincidido con la estancia en Sevilla de la señorita Elinjo Pähn, maestra nacional de Estonia, que, invitada a asistir a una de las clases, habló en esperanto a las alumnas, proponiéndoles el intercambio de correspondencia, labores y dibujos con las niñas esperantistas de su país.

* * *

*Palma de Mallorca.*—El grupo esperantista de esta ciudad (calle Mesquida, núm. 6) ha nombrado la siguiente Junta directiva: Presidente, Gabriel Meneu; vicepresidente, Mariano Jaquotot; secretario, José Picó; vicesecretario, Miguel Palmer; tesorero, Antonio Noguera; bibliotecario, Juan Casas; y vocales: Sebastián Juan, Aurelio Nadal y Salvador Vidal.

* * *

*Zaragoza.*—El Grupo «Zaragoza Esperantista», establecido en la calle de San Diego, número 5, piso bajo, ha elegido la siguiente Junta directiva: Presidente, Joaquín Larrumbe; vicepresidente, Eusebio Esteras; vocales: Angel Bruno, Antonio García, Vicente Puco y León Aguaviva; bibliotecario, Daniel Ibáñez; tesorero, José Carnicer; vicetesorero, Luis Blasco; secretario, Félix Sisón; vicesecretario, Tomás Franco.

## IO EL ĈIO

### PROBLEMO

Ia vilaĝano vivis feliĉe je du horoj de Madrido kun sia edzino kaj sia kelo, kie ili gardis bongustan vinon. Sed por ke la edzino ne ebriiĝu li gardis la ŝlosilon de la kelo kaj nur lasis hejme bareleton, kies enhavo ili trinkis dum dudek tagoj, almenaŭ ke la edzino forestis ĉe la bopatrino, ĉar tiam la bareleto daŭris tridek tagojn.

Iam la vilaĝano devis veni en Madridon kaj demandis al la instruisto por kioma tempo la edzino havas sufiĉan vinon kun la bareleto tute plena. La instruisto solvis la problemon kaj la vilaĝano povis esti en Madrido ..... kiom da tagoj?

* * *

## DIALOGO

*Janzino.*—S-ro. Mateo! Vi jam pagis la nunjaran kotizaĵon al H. E. A. Ĉu ne?

*Mateo.*—(Li respondas per la samaj literoj de la demando; sed... kion li respondas?).

(*La solvoj sur la proksima numero.*)

* * *

## SOLVOJ DE LA ENIGMOJ DE LA NUMERO 33

Al *Matematikaj Absurdaĵoj.*—1. Skribante 1049 per romaj ciferoj.—2. *Dektri* skribita per romaj ciferoj estas XIII; la duono VIII. 3. $\frac{44}{4} + 4$.

Al *Kuriozaj Vortoj.*—da, de, Di', do, du.

* * *

Deziras korespondi kun samideanoj de la tuta mondo: Antonio López Serna, Callosa de Segura (Alicante), membro de SAT numero 18.503 kaj de «La Socialisto» de Aŭstrio.

* * *

## PROVERBOJ ORIENTAJ

Naŭ aĵoj estas en la Mondo, de la unua en la lasta ĉiam pli da potenco: La Tero; la fero, kiu malfermas la teron; la fajro, kiu fandas la feron; la akvo, kiu estingas la fajron; la nubo, kiu transportas la akvon; la vento, kiu puŝas la nubon; la homo, kiu rezistas la venton; la dormemo, kiu venkas la homon, kaj la ĉagreno, kiu forigas la dormemon.

* * *

Tiu, kiu ne scias, kaj ne scias, ke li ne scias, estas idioto; forkuru el li: tiu, kiu ne scias, kaj li scias, ke li ne scias, estas humilulo; instruu lin: tiu, kiu scias, kaj li ne scias, ke li scias, estas dormanta; veku lin: kaj tiu, kiu scias, kaj li scias, ke li scias, estas sciulo; sekvu lin.

* * *

Lernu diri «*mi ne scias*», ĉar se vi diras «*mi ne scias*», oni instruos vin ĝis kiam vi scios; kaj se vi diras «*mi scias*», oni demandos vin ĝis kiam vi ne scios.